# ATEISMO

## Bulteno de Ateista Tutmonda Esperanto-Organizo




Britaj infanoj legas *Kio estas humanismo?* kun ĝiaj aŭtoroj

(Foto el: https://humanism.org.uk)

N-ro 24 http://ateisto.org Majo 2017

Ĉi-jare ni memorfestas la forpason antaŭ cent jaroj de la kreinto de Esperanto, Ludoviko Zamenhof. Se li estas monde konata, tio estas pro lia internacia lingvo. Sed Zamenhof, la lingvo-kreinto, ankaŭ pensis pri universo-kreinto kaj pri la religioj devenintaj el kredo je tia kreinto, kaj la konfliktoj inter ties anoj. Pro tiuj konfliktoj, Zamenhof, mem kredanto je Dio, elpensis pontan kredon "Homaranismo", kiu ampleksis ankaŭ sintenojn rilate al nacieco kaj lingvo. La unua artikolo en tiu ĉi numero de Ateismo traktas Homaranismon kun atento al ĝia liberpensemo, kiu montras Zamenhof kiel iaspecan "aliancanon" de ni ateistoj kaj liberpensuloj.

Certe Zamenhof estus ĉagrenita se li reaperus en la nuntempo kaj observus la religiajn konfliktojn en diversaj landoj, la kruelajn perfort-agojn de religiaj ekstremistoj, la provojn ŝtate altrudi iun favoratan religion, kaj certe ankaŭ la persekutadon, diskriminaciadon, izoladon kaj malaprobadon de ateistoj en multaj landoj. Tiu ĉi numero tuŝas iom da tiuj temoj, kiel altrudado de kristanismo (almenaŭ simbole) en italaj klasĉambroj, teror-agoj de radikalaj islamistoj, diskriminaciado kontraŭ ateistoj en Hindio/Barato, kaj izolado de ateistoj en Afriko.

Kiel judo, Zamenhof estis ligita kun antikva monoteisma tradicio. Interesa teorio pri la origino de monoteismo, almenaŭ tiu de la abrahamidaj religioj, liganta religiajn reformojn de egipta faraono kun Moseo, estas la temo de artikolo en la numero. Certe, estus bone, se ni ateistoj pli bone konatiĝus kun la historioj de religioj, speciale ĉar tio montras kiel religioj estas home kreitaj idearoj en kies evoluoj politikaj faktoroj grande rolis. En antikva Egiptio, faraono dekretis, ke ĉiu adoru unu dion. Sed ankaŭ estus dezirinde, ke ni konatiĝu pli bone kun la historio de nia propra mondorigardo: alia historia artikolo en la numero montras, eble surprize al multaj, ke ateismo estis grava parto de la religia-filozofia pejzaĝo de antikva Hindio.

Revenante al la nuntempo, la numero ne rakontas nur pri la negativaj fenomenoj supre menciitaj, sed ankaŭ pri kelkaj pozitivaj: la atendita granda kresko en la proporcio de nekredantoj en Francio; la ebleco, ke la proporcio de ateistoj en Usono estas multe pli alta ol ĝis nun raportita; kaj la disvastiĝo al lernejoj en Britio de infanlibro pri humanismo, kio estas la temo de la kovrila bildo de tiu ĉi numero. Ankaŭ pozitiva estas la klopodoj kontraŭagi la diskriminacion en Hindio/Barato kaj la izoladon en Afriko – certe tiaj klopodaj okazas tutmonde.

Mi ŝatus fini per alvoko al tiuj el niaj legantoj, kiuj partoprenos en la 102-a Universala Kongreso en Seulo, ĉeesti la publikan kunvenon de ATEO dum la kongreso. Por iom pli bone prepari vin por la kongreslando kaj la kunveno, bonvolu legi artikolon en tiu ĉi numero pri la situacio en Suda Koreio rilate al religio kaj senreligieco – certe interesa lando el nia vidpunkto, ĉar la divido inter inter religianoj kaj senreligiuloj estas preskaŭ 50-50.

**Nyegosh Dube (Pollando)**

## Zamenhof – liberpensulo

Antaŭnelonge, mi estis petita de pola konato, prezidanto de Pola Humanisma Asocio, mallonge paroli pri Zamenhof. Mia parolo (prezentita en la angla) estis filmita por inkluzivado en filmo pri kelkaj elstaraj, sed eble ne vaste konataj, poloj, kiuj faris iajn humanismajn kontribuojn al la mondo. La filmo estis montrita dum jara konferenco de Eŭropa Humanisma Federacio en Vroclavo, Pollando en majo 2017.

Mia konato sciis pri la kreado de Esperanto fare de Zamenhof kiel lia kontribuo al la proksimigo de popoloj tutmonde. Sed li ne sciis pri alia humanisma (en pli larĝa senco) strebado de Ludoviko, nome la kreado de universala religio – homaranismo, efektive ia "Esperanto de religioj", pontoreligio por unuigi homojn el diversaj religiaj fonoj. Li ankaŭ ne sciis, ke ĉi-jare estas la 100a datreveno de la morto de Zamenhof, kaj ke je la preciza datrevena tago, la 14a de aprilo, la pola parlamento omaĝis al li per unuminuta silento kaj unuanime adoptita rezolucio.



Dum mi preparis tiun parolon, mi mem ion malkovris, kion mi ne klare konsciis antaŭe: Zamenhof, kvankam li ja kredis je iu supera estaĵo aŭ forto reganta la universon, estis efektive liberpensulo. Tion mi konstatis, legante lian "Deklaracion pri homaranismo", publikigitan en 1913. Kvankam homaranismo estas ĝenerale rigardata kiel ia religio aŭ religia koncepto, la Deklaracio fakte ne nur traktis religiajn / spiritajn aferojn, sed ankaŭ civitanajn / politikajn kaj lingvajn. Ĝi konsistas el aro da principoj, kiujn devus sekvi "homarano". Esence, "homarano" estas iu, kiu konsideras homecon pli grava ol aparteno al iu grupo nacia / etna, lingva aŭ religia, kaj forĵetas ĉian ŝovinismon rilate al nacieco, lingvo aŭ religio.

En sia Deklaracio, Zamenhof specife traktas di-kredon kaj religion nur en la deka punkto, la lasta. Laŭ li, religio devus "esti nur afero de sincera kredo, sed ne ludi la rolon de hereda genta disigilo". Oni nomu kiel sia nur tiun religion aŭ *religi-anstataŭantan sistemon* je kiu oni efektive kredas. Krome, la "nekompreneblan Forton, kiu estas la kaŭzo de la kaŭzoj en la mondo materia kaj morala" oni povas nomi per vorto "Dio" aŭ io alia, sed "la esencon de tiu Forto ĉiu havas la rajton prezenti al si tiel, kiel diktas al li lia prudento kaj koro aŭ la instruoj de lia eklezio". Plej grave, vi neniam malamu aŭ persekutu iun ĉar ties kredo estas alia ol la via.

Li daŭrigas pri religio, dirante ke "la esenco de la veraj religiaj ordonoj kuŝas en la koro de ĉiu homo sub la formo de konscienco, kaj ke la ĉefa por ĉiuj homoj deviga principo de tiuj ordonoj estas: agu kun aliuloj tiel, kiel vi dezirus, ke aliuloj agu kun vi". Do, la bazo de la religia flanko de homaranismo estas simple la antikva Ora Regulo. Por Zamenhof, ĉio alia estas aldonaj elementoj, kiuj povus esti traktataj de iu religiano kiel devigaj aŭ kiel komentarioj (kutime miksitaj kun legendoj) aŭ moroj plenumendaj laŭ la volo de tiu kredanto.

En la lasta sekcio de la deka punkto, oni legas – por ni ateistoj / sekularistoj / humanistoj / liberpensuloj – ion aparte interesan. Mi atentigu, ke la tuta Deklaracio estas verkita en formo de deklaro de principoj – kaj ankaŭ promesoj – de homarano. Iu, kiu tralegis tiujn ĉi principojn kaj promesajn kaj akceptis ilin, estis alvokita enskribi sin en adresaron de homaranoj. Nu, indas citi plene

la unuan parton de tiu ĉi fina sekcio:

*"Se mi kredas je neniu el la ekzistantaj revelaciaj religioj, mi ne devas resti en iu el ili sole pro motivoj gentaj kaj per mia restado erarigi la homojn pri miaj konvinkoj kaj herede nutri per senfinaj generacioj intergentan disecon, sed mi devas – se la leĝoj de mia lando tion permesas – malkaŝe kaj oficiale nomi min "liberkreda", ne identigante tamen la liberkredon speciale kun ateismo, sed rezervante al mia kredado plenan liberecon."*

La koncepto "liberkreda" ja ŝajnas proksime al "liberpensa", kvankam por Zamenhof verŝajne temis precipe pri iaj liberaj religiecaj kredoj, kiuj estas sendependaj de la tradiciaj religioj. Tamen li ankaŭ uzis la terminon "religi-anstataŭanta sistemo", kiel mi menciis ĉi-supre, kio supozeble povus ampleksi diismon aŭ eĉ ian sendian humanisman kredosistemon. En tiu fina sekcio, Zamenhof daŭrigis, skribante ke "liberkreda" homo povu aliĝi al oficiale agnoskita "sendoktrina komunumo de liberkredanoj", kiu havus "[siajn] komunumajn aranĝojn, [siajn] nedevigajn neŭtrale-homajn festojn kaj morojn". Tio iom memorigas pri la agado de la humanismaj asocioj de kelkaj landoj, ekz. Britio, Norvegio kaj Islando, kiuj aranĝas anstataŭajn paralelajn ceremoniojn.

Kompreneble, Zamenhof ne estis ateisto. Tion klare montras interalie lia poemo *Preĝo sub la verda standardo*. Sed li estis iu, kiu havis tute sendogman aliron al Dio kaj religio, kaj kiu tre alte estimis la konsciencon de la individuo, la gravecon de agado laŭ konscienco anstataŭ blinda sekvado de tradiciaj dogmoj kaj sociaj religiaj postuloj. Libera kredado estis grava por li, kaj sendube tio ampleksis liberan ne-kredadon. Tial tamen ni povas senti Zamenhof proksima al ni ateistoj, humanistoj kaj liberpensuloj.

**Nyegosh Dube (Pollando)**

# Pensoj kaj Reagoj

## Kruco en italaj klasĉambroj

En novembro 2009 la Eŭropa Kortumo pri la Homaj Rajtoj subtenis plendon de finna/itala patrino, laŭ kiu italaj lernejoj ne rajtas pendigi krucifiksojn en lernejaj klasĉambroj. Poste tamen la itala ŝtato apelaciis kontraŭ tiu decido, kaj en marto 2011 la Kortumo nuligis la antaŭan decidon. Artikolo pri tio aperis en la 12a numero de nia revuo Ateismo de junio 2011 (p. 9)

Itala esperantistino Edvige Tantin en marto memorigis pri tiu decido per filmeto kiun ŝi afiŝis en Facebook, ĉe kiu aperis la vortoj (en la itala): Oni ne forprenu la krucon (el niaj klaŝcambroj)! Klaku sur "Mi ŝatas" kaj plusendu, se vi konsentas.

Sekve okazis jena diskuto inter mi mem, Edvige kaj alia itala esperantisto, Roberto Tresoldi. Mi aperigas ĝin ĉi tie senŝanĝe, krom korektado de kelkaj lingvaj malglataĵoj, kun permeso de la aliaj du partoprenantoj.

**Anna Lowenstein**: Mi ne konsentas.
**Roberto Tresoldi:** Mi ne konsentas.
**Edvige Tantin**: Pri kio vi ne konsentas??????
**Roberto Tresoldi:** En ŝtataj lernejoj de nia respubliko oni ne rajtas montri religiajn simbolojn.
**Anna Lowenstein:** Multaj infanoj nuntempe en italaj lernejoj ne estas kristanoj. Aliaj estas nereligiaj. Kial ili devas studi sub kristana simbolo?

**Edvige Tantin:** Tiuj kiuj ne estas religiemaj, tiuj kiuj havas alian religion, ili ne devas.... jam kiam mi vizitis mezlernejon tiuj kiuj ne volis, tute ne estis devigataj. Oni devas nur informi pri tio kaj nenio okazas..... Simple! Kial vi faras problemon el nenio????? [Edvige aludas al la fakto, ke dum lecionoj pri religiaj instruoj, infanoj rajtas ne ĉeesti.]

**Anna Lowenstein:** Mi ne faras problemon. Mi neniam protestis kontraŭ kruco en la klaso de mia filo, kvankam mi mem estas judo. Mi pensis, ke mi mem ne estas itala civitano, do mi konsideris, ke mi ne havas la rajton komenti pri tio. Mi tutsimple reagis al via afiŝo. Kial mi devas silenti, se vi aperigas afiŝon kun kiu mi fakte ne konsentas?

**Edvige Tantin:** Mi ne skribis, ke vi devas silenti... mi skribis, ke vi kreas problemon kie ĝi ne estas.....

**Anna Lowenstein:** Mi ne konsentas. Por vi ne estas problemo, ĉar vi estas kristano. Por nekristanoj tio povus esti problemo.



Krucifikso en itala klasĉambro
(Foto el: www.iodonna.it)

**Anna Lowenstein:** Se oni demandus min, ĉu mi volas krucon en la klasĉambro de mia filo, mi respondus "Ne". Kaj per via afiŝo, vi praktike demandis min pri tio. Laŭ mi oni ja forigu tiun krucon.

**Edvige Tantin:** En mia klaso (mezlernejo) estis juda knabino – ŝi havis la eblecon ne partopreni la lecionon pri religio, kelkfoje ŝi foriris el la klaso, kelkfoje ŝi restis. Neniam estis problemo. Tiuj kiuj havas problemon tiurilate, anoncu ĉe la lernejo, ke ne estante kristanoj, ili ne partoprenos la lecionojn....

**Edvige Tantin**: Anna Lowenstein, vi forigus la krucon de la klasĉambro de via filo.... sed li ne estas la sola lernanto tie, verŝajne la aliaj dudek aŭ dekvin aŭ dek volas aŭ konsentas... do ĉu pro la volo de unu ĉiuj aliaj devas submetiĝi?????? Tiu sola povas elekti alian lernejon, certe tio estas ebla, ĉu ne?

**Anna Lowenstein:** Ne temas nur pri la lecionoj de religio. El tio oni povas eliri. Mi parolas nur pri la demando, ĉu estu kruco en la klasĉambro.

**Anna Lowenstein:** La lernejo ne estas preĝejo. Ĝi estas ŝtata institucio, kiu reprezentas ĉiujn kaj ĉiajn lernantojn, inkluzive de tiuj, kiuj apartenas al religiaj kaj rasaj malplimultoj.

**Edvige Tantin:** Ŝtata institucio devas reprezenti la plimulton de la popolo kaj ne povas submetiĝi al volo de unuopaj personoj......

**Roberto Tresoldi:** Nu, en unu el miaj klasoj la plejmulto ne estas kristana. Sed la afero estas, ke la lernejo de laika ŝtato ne rajtas havi religiajn simbolojn.

**Edvige Tantin:** La ŝtato povas esti laika, sed la plimulto de la popolo havas la rajton decidi kion ĝi volas.

Tiu diskuto donis al mi la ideon, ke ATEO formale invitu reprezentantojn de IKUE (Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista) al debato pri tiu temo dum la itala kongreso en aŭgusto. Mi precizigu, ke IKUE ne respondecas pri la filmeto kaj la diskuto en Facebook, kaj ke Edvige ne estas ĝia membro. Tamen pluraj membroj de IKUE verŝajne ĉeestos la italan kongreson, kaj povus interesiĝi pri tia debato. Ni vidu, ĉu IKUE akceptos la defion!

**Anna Lowenstein (Britio)**

## Atencoj kontraŭ “diaj infanoj”

Atencoj okazas, multaj. En Parizo, Londono, Bruselo, jes Novjorkon ni ne forgesu, kaj je iu momento la “gravuloj” dediĉas kelkajn minutojn por diri la veron pri la okazintaĵoj. Ĉiam estas la islamanoj, kiuj kulpas pri ĉio. Nu, almenaŭ laŭ la politikistoj kaj aliaj gravuloj, kiuj scias la veron, laŭ sia propra opinio.

La 22an de marto 2017 estis memortago pri la atencoj en Bruselo. Mi havis rendevuon kun la ĝardenistoj por iom ordigi mian korton. Mi estis preta je la 7a matene, kaj decidis enŝalti la televidon. Mi vidis la homojn ĉe la brusela flughaveno, kiuj staris en granda rondo. Kelkaj plorsingultis, aliaj pene retenis larmojn, ĉiuj estis tristaj kaj pensis – mi esperas – pri la vunditoj kaj la mortintoj, kiuj falis en tiu tago. Ekstere antaŭ la flughaveno la ministroj sidis pretaj, ĝis venos la reĝo kaj reĝino. Evidente ĉeestis ankaŭ la vunditoj, ĉar kian valoron havus tia okazo sen la vunditoj.

Estis bona ceremonio, digna, plena de respekto. Kelkaj postrestintoj, kies edzino aŭ edzo mortis en la atenco, kantis aŭ proklamis poemojn. Nun troviĝis tie la reĝo kaj reĝino, kaj kompreneble la tuta ministraro, ĉar sen ili nenio povas okazi; kaj sur iliaj vizaĝoj oni legis la gravecon – laŭ ilia imago. Kiam mi vidas ilin, mi ĉiam pensas pri *Laŭdo de l' stulteco*. Kian vantecon ili havas.

Eble vi demandas vin, kial mi verkis ĉi tiun tekston. Dum la paroladoj, kiujn mi aŭdis, oni diris ĉiam: “Ne gravas, ĉu ili estas islamanoj, judoj, budhanoj aŭ katolikoj; ni ĉiuj estas infanoj de la sama dio.”
“Ni ĉiuj estas infanoj de la sama dio”! Pardonu!

Ne ekzistas por tiuj homoj liberpensuloj. Ne ekzistas homoj, kiuj ne kredas je dio.

La ĝardenistoj lasis min en merdo pri mia ĝardeneto, sed mi tre malĝoje spektis la televidon. Kiel teruraj estis la bildoj de la homoj, kiuj spertis tiujn seriozajn atencojn. Ĉu estas Dio, kiu kulpas pri tio?

**Jakvo Schram (Belgio)**

## Religio kaj demokratio

Revuo *Ateismo* demandis, ĉu la kresko de Islamo endanĝerigas demokration. Oni povas plivastigi tiun demandon, konsiderante ***ĉu la religioj ĝenerale endanĝerigas demokration***. Eble tiel oni povos atingi pli ampleksan horizonton.

Ni pritraktu la aferon laŭ tri dimensioj: 1. Kio estas religio? 2. Kiu estu la rilato inter ŝtato kaj religio? 3. Ĉu la ŝtato rajtas malpermesi religiojn?

### Kio estas religio?

Esence religio estas aro da ritoj per kiuj homoj omaĝas kreinto(j)n de la universo. En la pasinteco la homoj klopodis gajni la favoron de tiu(j) estaĵo(j) kun la celo ricevi ties protekton.

Do ĉio alia, kio preskaŭ ĉiam kunligiĝas al religio, t.e. la moralo kaj moroj, ne estas ***esence*** aspektoj de religio. Fakte ili estas kulturaĵoj, sociaj reguloj, kiuj jam sendepende ekzistis kiam la ritoj ekestis, kaj kiuj historie kunligiĝis al ili.

Morala kondutmaniero estas necesa por la funkciado de la homa socio, eĉ kiam la homoj ĉesas kredi je dioj. Ankaŭ nereligia homo nepre devas esti moralema en siaj sociaj rilatoj.

Tiel estas nuntempe, sed ne ĉiam estis tiel. En praaj socioj la homoj havis neracian pensomanieron, laŭ kiu ĉio baziĝis sur mitoj. Por ili ĉio havis religian karakteron, ĉar aferoj okazis ne pro raciaj, science klarigeblaj

kialoj, sed tutsimple pro la dia volo. Eĉ pri la propraj mitaj rakontoj, la homoj, kiuj mem ilin kreis, forgesis sian propran aŭtorecon, tiel ke tiuj mitaj fabeloj fariĝis raportoj pri agoj de la dio(j).

Tamen kion tio signifas, ke ĉio dependas de la dia volo? Ni prenu ekzemplon el la tiel nomata judkristana moralo: la dian ordonon “ne deziru la edzinon de via proksimulo”, kiu bone spegulas socian situacion en kiu la virino estas posedaĵo de la viro. La tuta ordono tre klare tion montras: “Ne deziru la domon de via proksimulo; ne deziru la edzinon de via proksimulo, nek lian sklavon, nek lian sklavinon, nek lian bovon, nek lian azenon, nek ion, kio apartenas al via proksimulo.” (*Eliro* 20:17). Ne estas hazardo, ke tiu ordono ne povas esti inversigita: “Ne deziru la edzon de via proksimulino”.



Kristanaj / katolikaj libroj vendataj ĉe la centra poŝtoficejo de Varsovio. Ĉu la ŝtata Pola Poŝto nun apartenas al la Katolika Eklezio?! (Fotinto: la redaktoro de *Ateismo*)

Ĉu dia volo? Certe, se temas pri mita vizio de la mondo, tamen tio estas homa elpensaĵo, se oni analizas ĝin laŭ racia vidpunkto. Do kulturaĵo!

Kio do diferencigas, ***esence***, la diversajn religiojn? Nur la ritoj kaj la nomoj de la dioj. La cetero, t.e. la moroj kaj la moralo, ne apartenas ***esence*** al la religio.

**Kiu estu la rilato inter ŝtato kaj religio?**

La religiaj institucioj ofte – kaj precipe en historiaj epokoj – arogas al si la rajton decidi pri la moralo kaj moroj de la popoloj. Tio okazas ĉar la moralo, kiu normale aperis en praa socio pro homa neceso, estis kunfandita al la volo de la dio(j). Kiam tiuj institucioj ludas tiun rolon, ili ankoraŭ insistas pri la malnovaj reguloj kaj moroj laŭ la iamaj sociaj/ekonomiaj interrilatoj, pravigante tion surbaze de antikvaj mitoj.

Ne hazarde la modernaj ŝtatoj disigas ŝtaton de religio. Tio okazas certe pro la historia malfacileco disigi religion de siaj mitmoralaj radikoj. Kaj tiu disigo estas marko de moderneco. Ankaŭ ne hazarde iuj religioj moderniĝas, reinterpretante la radikojn kaj tiel akceptante novajn rolojn. Sed aliaj ne moderniĝas kaj favoras religiajn ŝtatojn, la teokratiojn.

Kion signifas teokratio? Tio, ke ne nur ekzistas dio, sed ke ĝi proponas normojn por reguligi la socian vivon de la homoj. Tiujn normojn scias la interpretistoj de la dia volo, la pastroj. Do, ili regu la socian vivon. Sed kiel la pastroj scias la dian volon? Kutime, pere de la praaj tekstoj. (Kelkfoje per rekta “dia influo”, apenaŭ distingebla de mensa deliro.) Se necesas vivi laŭ la postuloj de tiel nomataj sanktaj tekstoj (pratekstoj), tio ankaŭ signifas vivi laŭ praaj reguloj kaj moroj: do, regi ŝtaton laŭ praaj kutimoj. Kompreneble, eĉ en tiaj ŝtatoj iugrade okazas adaptiĝoj, sed restas prasignoj kiel la trudado de moroj kaj reguloj. La ĉiama devizo estas, ke nur la propra dio estas la vero, kaj ke nefideluloj estu konvertitaj. Klare tio ne kongruas kun religia libereco.

Do, disigi ŝtaton kaj religion estas deviga neceso. Moderna ŝtato, t.e. demokratia ŝtato, devas funkcii laŭ la modernaj konceptoj pri homaj rajtoj. Tio estas sekvo de la sociaj revolucioj, kiuj ŝanĝis la fluon de la homa historio por atingi la ideojn de la nuna epoko. Oni memoru la francan revolucion fine de la 18-a

jarcento kaj la *Deklaracion pri homaj kaj civitanaj rajtoj* (1789).

**Ĉu la ŝtato rajtas malpermesi religiajn praktikojn?**

Por respondi al tio, ni unue demandu: kio estas demokratio? Sen longaj diskutoj ni diru, ke demokratio estas politika reĝimo en kiu la civitanoj regas la politikan potencon en la kadro de sistemo, kiu subtenas la homajn rajtojn, inkluzive de la libereco de esprimado kaj religio. En tiu difino memevidente ne enkadriĝas teokratioj, sed nur ŝtatoj en kiuj religioj praktike adaptiĝas al demokratiaj principoj. Do la rajto je religia libereco ne estas senlima.

Se hazarde iu religia praktiko kontraŭas la demokratiajn principojn, ekzemple ne permesante aliajn religiojn aŭ ateismajn sintenojn, tio postulas politikan intervenon. Se ekzemple la deviga "religia vesto" de islamaninoj, t.e. burkao aŭ simila vesto, spegulas submetiĝon de la virinoj, tio ne estas permesebla en demokratia socio. Se iu religio arogante difinas sin la sola vera religio aŭ deklaras, ke nekredantoj estas nefideluloj kondamnindaj, aŭ ĝi devas ŝanĝi la doktrinon aŭ oni malpermesu ĝin.

Unu el la respondecoj de demokratie elektita instanco estas kunvivigi la malsamajn religiojn en plurisma socio, laŭ la principoj de religia libereco kaj egalaj rajtoj sendepende de sekso, raso aŭ origino. Tial la politika instanco rajtas malpermesi morojn kaj regulojn, kiuj atencas kontraŭ demokration.

**Konklude**: La respondo al nia demando, ***ĉu la religioj ĝenerale endanĝerigas demokration*** estas jesa, kiam la doktrinoj kaj praktikaj agadoj de iu religio ne estas adaptitaj al la demokratiaj valoroj. En moderna demokratia socio, la politikaj instancoj devas reguligi la socian vivon surbaze de la *homaj rajtoj*, ne surbaze de praaj religiaj tekstoj.

**Luís Ladeira (Portugalio)**

## La herezulo

Dion li serĉis en ĉiu loko,
al ĉielo li volis iri por trovi ŝin.
La dio de papoj kaj kardinaloj,
per iliaj veroj,
malverigas la rabenon kaj imamon.

Inferen li kuris, ĝis plej fajra fajro,
renkontis Vislipusli-n kaj Mefiston
kiuj mokis lin pro homa naiveco.

Fine li trovis veron plaĉan
ĉe filozofo kiu diris,
"Kreu propran ziguraton!
kaj brakumu la hodiaŭan sciencon,
kiu estos la malvero de morgaŭ."

**Jakvo Schram (Belgio)**

## Teroristoj kaj iliaj viktimoj

Estas tagoj kiam mi demandas min kion fari pri la kaŭzintoj de mortigaj atencoj kiel tiuj de Berlino aŭ Nico. Kondamni ilin al longedaŭra enkarcerigo ne estas solvo. Necesas modifi ilian pensomanieron. Tiu pensomaniero estas ĝisfunde abstrakta, komplete malkonektita de la realeco. Ĝi reduktiĝas al blinda obeado al tekstoj fuŝe interpretataj de fanatikuloj.

Oni devus remeti ilin en kontakton kun tiuj homaj realecoj, kiujn ili tute forgesis: siaj viktimoj. Kiam ili mortigis amason da personoj, kiel en Berlino aŭ Nico, necesus igi ilin alfronti la parencojn de tiuj, kiujn ili murdis. Tiuj, unu post la alia, ne ĉesus demandi ilin: “Kial vi mortigis mian paĉjon, mian panjon, mian infanon? Kion malbonan ili faris?” Submetite centfoje al tiuj demandoj, devigate alfronti centfoje tiujn dolorojn, eble ili ekkontaktiĝos kun tiuj realecoj. Kaj tio estus pli efika ol tridek aŭ kvardek jaroj da enkarcerigo.

**Jean Marin (Francio)**

## Ateismo en antikva Hindio

Hodiaŭ Hindio estas tre religia lando, kie Dio kaj dioj estas regule menciataj kaj alvokataj. Ĉio estas la volo de Dio. En granda plimulto da hindaj hejmoj, ĉu de hinduoj, islamanoj, kristanoj aŭ alispecaj religianoj, videblas religiaj bildoj kaj objektoj – ankaŭ en multaj butikoj, veturiloj kaj aliaj lokoj. Abundas religiaj festivaloj kaj pilgrimadoj, sur la stratoj de hindaj urboj vagas sanktaj bovoj kaj sanktaj viroj (“saduoj”). Ĉe geedziĝ-festoj okazas multaj religiaj ritoj.

Religio ankaŭ trapenetras politikon. En la lastaj jardekoj plifortiĝis hindua naciismo, la tiel nomata “Hindutvo”, kaj nun regas hindu-naciisma registaro. Plimultiĝas fizikaj atakoj, foje mortigaj, kontraŭ raciistoj/ateistoj. Malfacile nun imagi, ke la plej fama, plej respektata, plej longedaŭra hinda ĉefministro ekde sendependiĝo en 1947 estis Jawaharlal Nehru, ateisto!

Tial estas interese kaj valore atentigi pri ĝenerale nekonata elemento de la historio de hindaj filozofio kaj religio: ateisma pensado, kaj speciale la ateisma skolo nomita Ĉarvako (foje Lokajato), kiu ŝajne ekaperis ĉirkaŭ la jaro 600 a.K. Antaŭ ol pli detale rigardi Ĉarvakon, estas menciinde, ke oni klasigas tradiciajn hindajn filozofiajn-religiajn skolojn en du grupojn, *astika* kaj *nastika* – la unua grupo akceptas la aŭtoritaton de la Vedoj, dum la dua grupo ne akceptas. (La Vedoj estas aro de kvar sanktaj libroj, la plej malnovaj libroj de Hinduismo, konsistantaj el himnoj kaj alispecaj religiaj-filozofiaj tekstoj, kiu devenas de la periodo 1500-1000 a.K.)

Al la *nastika* grupo apartenas Ĉarvako, Budhismo kaj Ĝajnismo*: ili naskiĝis pli-malpli samtempe dum periodo de intelekta agitiĝo kaj aktiva pridubado pri filozofiaj-religiaj dogmoj kaj praktikoj. Ĉiuj tri estas ateismaj, eĉ se Budho estas efektive traktata de multaj budhistoj kiel dia figuro. Tial nuntempe en Hindio la vorto *astika* ofte havas la signifon “teisma / teisto” kaj *nastika* “ateisma / ateisto”. Sed tio ne estas ĝusta, ĉar inter la ses astika-skoloj, almenaŭ du fakte estis ateismaj: Samkjo kaj Mimamso. Krome, la skolo Njajo ampleksis kaj ateismajn kaj teismajn tendencojn. La ceteraj aŭ estis teismemaj (Vedanto, Jogo – kvankam Jogo ne estis

tiom klare teismema) aŭ ne traktis la demandon (Vajŝeŝiko).

Estas rimarkinde, ke la plej antikva el la Vedoj, la Rigvedo** (el ĉirkau 1500 a.K.), mem esprimas dubojn pri la dia kreado de la universo en sia Himno de Kreado: *Kiu vere scias? De kie ĝi venis? De kie estas tiu ĉi kreiĝo? La dioj venis poste, kun la kreiĝo de la universo. Kiu do scias de kie ĝi devenas? Eble ĝi formis sin mem, aŭ eble ne.*

Nu, tute alia ol la biblia Genezo, kiu proklamas "En la komenco Dio kreis la ĉielon kaj la teron"!




Sanskrita formo de la vorto "Ĉarvako".
(Bildo el: www.carvaka4india.com)

Tio, kio distingas la Ĉarvakan skolon disde ĉiuj tiuj aliaj ateismemaj skoloj kaj religioj, estas ke ĝi estis la sola, kiu estis pure materiisma kaj havis nekredon je Dio kaj dioj kiel gravan elementon de sia filozofio. Tial mi enfokusigos ĝin en tiu ĉi artikolo. La hinda Nobel-premiita ekonomiisto Amartya Sen skribas pri Ĉarvako en sia esearo *The Argumentative Indian* (Argumentema Hindo), en kiu mi unuafoje renkontis tiun ĉi skolon. Laŭ li, ĝi floris ekde sia ekapero kaj altiris subtenantojn tra multaj jarcentoj. Fakte, ĝi estis tiom influa, ke diversaj verkistoj hinduismaj kaj budhismaj sentis neceson prezenti kaj priskribi ĝin, se nur por argumenti kontraŭ ĝi. Bonŝance, ke ili faris tion, ĉar la originalaj fontoj de la Ĉarvaka filozofio jam de longe malaperis. Kio okazis? Laŭ Nehru, skribante en sia majstroverko *The Discovery of India* (La Malkovro de Hindio), eble granda parto de ateisma literaturo estis detruita de pastroj kaj aliaj anoj de ortodoksa Hinduismo.

Ili certe havis kialon por fari tion, ĉar la precipa celo de Ĉarvako estis kontraŭstari la aŭtoritaton de la Vedoj kaj la potencon kaj praktikon de brahmanaj pastroj. La Ĉarvakanoj kritikis kaj mokis brahmanajn / vedajn kredojn kaj ritojn, kondamnis la kasto-sistemon, kaj riproĉis al la pastroj, ke ili trompas ordinarajn homojn por mone profiti.

Preskaŭ tute malaperis la verkoj de Ĉarvako de sia klasika periodo dum la unua jarmilo antaŭkrista – plej grave, la *Sutroj de Brihaspati*, kiuj estis poste cititaj en diversaj verkoj. (Brihaspati estas la supozata fondinto de la skolo.) Tamen, en la 9a jarcento aperis la *Tattvopaplavasimha* de Ĝajaraŝi Bhatta, kiu laŭ kelkaj spertuloj estas verko de la Ĉarvaka filozofio, dum aliaj asertas, ke ĝi estas skeptikisma kaj materiisma, sed ne Ĉarvaka. La plej klara prezento de Ĉarvako estas fakte trovebla en ampleksa verko de Madhava Aĉarja el la 14a jarcento, la *Sarvadarŝanasamgraha* (Kolekto de Ĉiuj Filozofioj). Aĉarja prezentas argumentojn por kaj kontraŭ ĉiu filozofio, kiun li traktas en sia verko.

Nu, kion kredis tiuj antikvaj hindaj ateistoj? Ĝenerale, ili ne multe diferencis de modernaj ateistoj. Ni komencu per ilia epistemologio, t.e. ilia kredo pri la akirado de scio. Laŭ ili, la sola valida maniero akiri scion estas ekstera perceptado kaj rekta observado per la kvin sensoj – do ili estis pure empiriismaj. Surbaze de tio ĉi, la Ĉarvakanoj forĵetis ĉiujn nepruveblajn supernaturajn konceptojn kiel Dio (kaj dioj), la sendependeco de la animo disde la korpo, reenkarniĝo, postmorta vivo, karmo, paradizo kaj infero. Laŭ ili, la homa menso kaj konscio havas materialan, korpan bazon. Ili kredis, ke la fizika mondo funkcias aŭtonome, laŭ propraj leĝoj, ne pro supernaturaj diaj agoj. Ili krome opiniis, ke kvar elementoj estas la fundamento de ĉio materia, inkluzive homojn – tero, akvo,

aero kaj fajro. Kompreneble, ili ne pravis pri tio ĉi, sed tia kredo ekzistis ankaŭ en aliaj mondopartoj en tiu epoko, plej notinde en antikva Grekio.

Pro la fakto, ke ili kredis, ke ekzistas nur tiu ĉi mondo, kaj ne aldone iu supernatura mondo, kaj ke tiu ĉi vivo estas la sola, kiun ni havas, ili opiniis, ke homoj devus plene ĝui la vivon – simile al la epikurisma skolo de Grekio kaj Romio, kiu kvankam ne ateisma, ankaŭ estis materiisma.

Konklude, mi pensas, ke estas valore por nuntempaj ateistoj konscii, ke jam en antikvaj tempoj aperis malakcepto de kredo je Dio kaj dioj. Nia nekredo havas antikvajn radikojn. Kaj, se oni rigardas pli vaste, ekde neateisma materiismo ĝis nemateriisma ateismo, ni povas des pli senti nin parto de movado kun longa historio kaj vasta geografia amplekso. Ateismo, materiismo kaj sekularismo ja ne estas nur modernaj fenomenoj de post la 17a jarcento!

Fontoj: Amartya Sen, *The Argumentative Indian* (2005); Jawaharlal Nehru, *The Discovery of India* (1946); "Atheism in Hinduism", Wikipedia; "Charvaka", Wikipedia; V. Brodov, "The Materialism of the Charvakas Lokayatikas" (2012); Cristian Violatti, "Charvaka" (2014); kaj ankaŭ anglalingvaj vikipediaj artikoloj pri aliaj skoloj (Samkhya, Mimamsa ktp).

* Kvankam la PIV-a formo estas "Ĝainismo", mi uzas "Ĝajnismo"-n, la formon preferatan de la Vikipedia artikolo pri tiu religio, ĉar kiel klarigas Vikipedio, hindaj lingvoj uzas diftongan formon – fakte la diftonga sono en la hindia lingvo estas "ej" .

** Bonvolu noti, ke la originalaj hindaj versioj de la vortoj "Rigvedo" kaj "Hindutvo", kaj de la nomoj de la filozofiaj-religiaj skoloj ("Ĉarvako" ktp) menciitaj en tiu ĉi artikolo, havas la finaĵon "-a". Tiel ili aperas ankaŭ en la angla kaj diversaj aliaj lingvoj ("Rigveda", "Charvaka" ktp).

**Nyegosh Dube (Pollando)**

## La Mosea diferencigo: pri la formiĝo de monoteismo

Sufiĉe populara supozo pri la evoluo de la religioj de la mondo estas, ke la plej "primitiva" stato estas "animismo": la kredo, ke iuspeca "animo" troviĝas en pli-malpli ĉiu natura objekto. Sekvis tendenco al pli homformaj kaj personecaj imagoj; la rezulto estis "politeismo" kun plejparte homecaj diaj figuroj. Poste el tio iel ekestis "monoteismo", interalie pro tio, ke pro la progreso de la sciencoj multaj naturaj fenomenoj, kiuj antaŭe mirigis kaj timigis la homojn, nun pli kaj pli iĝis kompreneblaj per sciencaj sistemoj, tiel ke supernaturaj povoj ne plu ŝajnis necesaj por kompreno. La fina stadio de tiu ĉi evoluo – tiel almenaŭ ni ateistoj esperas – estos mondpercepto, en kiu ideo pri "dio" tute superfluas.

La transiro de la "politeisma" al la "monoteisma" stadio – laŭ tiu koncepto – povintus okazi tiel, ke pli kaj pli malgraviĝis la diferencoj inter la malsamaj "diaj personecoj",. tiel ke iom post iom ili kunfandiĝis. Tio estus imagebla, mola kaj maldrasta transiro – sed atentige estas, ke la "sanktaj skriboj" de la plej gravaj monoteismaj religioj prezentas tute alian rakonton, nome ke la "vera" dio venkis (kaj fine malaperigis) la "falsajn" diojn.

La plej gravaj monoteismaj religioj sendube estas Judismo, Kristanismo kaj Islamo. La koncepto pri dio en ĉiuj tri baziĝas sur la kernaj eldiroj de la Torao, la "leĝo de Moseo"; tial tiu trio estas nomata la "Abrahamaj religioj", ĉar Abrahamo por ĉiuj tri tradicioj estas tre grava praavo. Komuna trajto de tiuj tri estas agresema aŭ eĉ kondamnema sinteno rilate al "falsaj" dioj, kredoj kaj doktrinoj.

Tre interesan kaj pripensindan klarigon por

tiu fenomeno prezentas la germana sciencisto Jan Assmann per sia tezaro pri “Mosea diferencigo”. Mi tie ĉi provas koncize prezenti la esencajn trajtojn de la teoria aliro de Assmann; ĉefa fonto de mia artikolo estas lia libro *Moses the Egyptian* (Moseo la egipto) – mi ĉerpis el la germanlingva traduko.

### Religia reformo de faraono

Ekiro de la teorio estas la religia reformo de la egipta faraono Amenhotep IV, kiu regis en la 14a jarcento a.K. Tiu faraono dum sia regotempo plene reformis la religian kaj politikan sistemojn de Egiptio, kaj ankaŭ fondis kaj konstruigis novajn sanktejojn kaj novan ĉefurbon. Kerno de tiuj reformoj estis, ke li forigis la tradiciajn diojn kaj iliajn kultojn kaj instalis tute novan religion: la sola dio estos nur la suno, kiu nun estu adorata sub la nomo “Aton” (la tradicia nomo de la suna dio, Râ, ne plu estu uzata). La sola peranto inter Aton kaj la egipta popolo estos nur la faraono mem, kiu nun nomas sin Aĥnaton (“servanto de Aton” aŭ “brilo de Aton”) – la tradicie tre forta egipta pastraro tiel perdis sian potencon. La tradiciaj sanktejoj estis fermitaj, la tradiciaj kultoj estis ĉesigitaj, atestoj kaj signoj pri la tradicia religio estis forigitaj.



Egipta faraono Amenhotep IV (Aĥnaton)
(Foto el: Wikimedia Commons)

Tiu nova religia sistemo jam denove estis ĉesigita nur kelkajn jarojn post la morto de Aĥnaton. Nun ĉiuj postrestaĵoj de Aĥnaton kaj liaj reformoj estis nuligitaj aŭ detruitaj, eĉ la nomo de Aĥnaton estis forigita el la oficialaj listoj (multe pli malfrue, en romiaj tempoj, tiu tekniko nomiĝis “damnatio memoriae” [= kondamno de la memoro]; la romianoj ofte faris tion). La Aton-religio do iĝis nura epizodo en la egipta historio; ĝi eĉ preskaŭ estis forgesita, ĉar atestoj praktike ne plu ekzistis.

Sed postrestis tamen ruinoj en dezerta loko nomata Tel el-Amarna. Tie en la komenco de la 20a jarcento p.K. arkeologiaj esploroj estis farataj, kaj oni malkovris ne nur la fundamentojn de “Aĥet-Aton”, la ĉefurbo fondita siatempe de Aĥnaton, sed oni ankaŭ elfosis la tombon de la faraono kaj – kiel surmuran epigrafon – himnon direktitan al Aton, la suno. Eblis surbaze de tiuj trovaĵoj ĝis iu grado rekonstrui la ideologian kernon de la Aton-religio.

La ĉefa trajto de tiu religia sistemo inventita de Aĥnaton estas, laŭ Assmann, laŭeble granda kontrasto al la tradicia sistemo; fakte okazis inversigo: tradicie estis adorataj multaj dioj, kiuj sin prezentis en diversaj bildoj – Aton estis nur unu, li ne permesis bildigon. Tradicie la imago de “transa mondo” estis grava kaj riĉa: diaro multmaniere influanta la homan vivon, sed siavice ankaŭ influata de la homoj (ekzemple per magio); postmorta tribunalo kun premioj kaj punoj en la transa mondo. Aliflanke, laŭ la Aton-religio, ne ekzistis postmorta vivo; la celo de la homa vivo estis plenumi la ordonojn kaj dezirojn de Aton, kaj la homo rajtis esperi pri rekompenco en sia surtera vivo. La dio mem estis adorata, sed ne manipulebla; magio estis malpermesata. La monoteismo de Aĥnaton do estis inventita kaj konstruita ne nur por anstataŭigi la antaŭan religian sistemon, sed ankaŭ por rebati ĝin. La tradicia religio devis aperi ne nur kiel senpova, sed kiel falsa kaj abomeninda. Assmann eĉ nomas la Aton-religion “kontraŭreligio”. La kontrasto “vera/falsa” tie ĉi aperas, laŭ li, la unuan fojon en la historio de religioj. Sed, kiel jam dirite, tiu “religia revolucio” baldaŭ fiaskis en Egiptio.

### Paraleloj kun la Mosea religio

Post la elfosado de la t. n. "Amarna"-ruinoj la "suna himno" de Aĥnaton estis zorge legata kaj tradukita. Evidentiĝis post eldono de la traduko, ke ekzistis signifaj enhavaj paraleloj inter tiu himno kaj partoj de du bibliaj psalmoj, nome psalmo 104: 27-28 kaj psalmo 145: 27-28. Kelkaj egiptologoj eĉ konjektis, ke temas pri rekta traduko. Kiel do eblas, ke teksto de forgesita egipta religio troviĝas en la Biblio? Kiu interrilato ekzistas inter la Aton-religio kaj la Torao? – La diskutado koncentriĝis al la figuro de Moseo.

Assmann ne juĝas, ĉu Moseo estas reale ekzistinta persono aŭ ne. Li interesiĝas pri la "historio de memoroj", kaj en tiu kadro la figuro de Moseo estas grava. Moseo – tiel kelkaj aŭtoroj konjektis – eble estis egipto, kiu edukiĝis proksime ĉe faraona kortumo. Eble li tiel konatiĝis kun la nova religio kaj iĝis adoranto de Aton. Post la fiasko de tiu religio li iel sukcesis iĝi gvidanto de amaso da pli aŭ malpli subpremataj homoj; al ili li iamaniere peris la Aton-religion, kiun li tamen adaptis al la speciala situacio. Fakte la paraleloj inter la Aton-religio kaj la Mosea religio estas frapaj:

- nur unu dio
- malpermeso de bildoj de dio
- nenio pri iu transa mondo
- emfazo de moralaj postuloj.

La "nova" religio estis akceptita, kvankam kun malfacilaĵoj, de la homamaso, kaj ili konsistigis finfine apartan popolon, Izraelon. La esenca kontrasto, kiun ja kreis la Aton-religio, nome la diferencigo inter "vera" kaj "falsa", estis transmetita al la kontrasto "Egiptio" – "Izraelo". La monoteisma doktrino kun sia leĝaro estis laŭdifine "vera", la egipta sistemo kun siaj multaj dioj kaj kultoj konsekvence "falsa". Tiu diferencigo – Assmann nomas ĝin "Mosea" – iĝis daŭra heredaĵo de ĉiuj monoteismaj religioj, kiuj kreskis el tiu radiko. La kristanaj aŭtoroj de la malfrua antikveco kondamnis la politeismajn religiojn tre malsamajn inter si sume sub la latina nocio *idololatria* (adorado de idoloj); *idololatria* estis, laŭ ili, plene diabla faritaĵo. Tio havis siajn postefikojn. Assmann montras, ke la "Mosea diferencigo" malhelpas la historiistojn ankoraŭ nuntempe profunde kompreni la ecojn de la antikvaj politeismaj religioj. Assmann, cetere, preferas la esprimon "kosmoteismo" anstataŭ "politeismo".

Inter teologoj kaj historiistoj la tezaro de Assmann estas vigle pridiskutata.

Referencoj:
Jan Assmann, *Moses the Egyptian* (Moseo la egipto). Cambridge, Mass. 1997 (Harvard University Press). Germanlingva traduko: 1998.
Vikipedio ("https://eo.wikipedia.org/wiki/): kapvortoj "Aĥnaton", "Atono" kaj "Antikva Egiptio"

**Winfried Schumacher (Germanio)**

## La soleca vivo de ateistoj en Afriko: la kazo de Ganao

Se oni promenas laŭ preskaŭ iuj ajn strato en Ganao, oni certe trovos preĝejojn, religiajn reklamtabulojn kaj butikojn kun bibliaj nomoj. Dimanĉe oni vidas paradon de perfekte vestitaj familioj irantaj al preĝejoj, ĉu katolikaj, ĉu pentekostanaj, ĉu tiel nomataj "karismaj", kie oni kredas, ke eblas altiri la atenton de la Sankta Spirito per bruado. Iuj malsanuloj vizitas preĝotendumejojn" por peti al Dio, ke li kuracu ilin, kaj fideluloj pagas dekonaĵon al predikistoj, kiuj asertas, ke ili havas kurac-kapablon.

Tial tiuj en tiu ĉi profunde religia okcident-afrika lando*, kiuj malakceptas la ekziston de Dio iras laŭ soleca vojo, frontante la malakceptadon de familianoj kaj amikoj – aŭ eĉ mortminacojn. "Mi

spertis, ke homoj skribis fortajn minacojn kaj kaŝe metis ilin en mian poŝon ĉe la universitato. Estas ebleco ke iu minaco estos plenumita, sed oni devas vivi kun tio", diras 27-jaraĝa ateisto Agomo Atambire. Por li, tiaj minacoj jam fariĝis normala parto de lia vivo.

Sed tio ne malebligas al malgranda, sed firma grupo de ateistoj kritiki la la fortan influon de religió sur ilia nacio kaj serĉi aliajn kun similaj opinioj. Nekredantoj en Ganao estis instigitaj reagiekhavis batalkrion kiam estis eldonita en 2012 opini-enketo farita en 57 landoj de WIN-Gallup International, laŭ kiu 96% da ganaanoj konsideras sin kiel religiajn – kaj 0% kiel ateistojn. "Kiam aperis la Gallup-enketo, ni jam sciis, ke ekzistis pli ol 0% da ateistoj en Ganao," diras Graham Knight, brita fondinto de la Ganaa Humanisma Asocio.



Roslyn Mould parolas ĉe la African Humanist Youth Days 2016 en Kenjo. (Foto el: https://medium.com/humanist-voices)

La ateisma grupo havas ĉirkaŭ 40 membrojn, el kiuj plimulto havas inter 23 kaj 35 jarojn kaj kvarono estas virinoj. Ili kunvenas almenaŭ unufoje monate, partoprenas en agado por homaj rajtoj, kaj volontulas por diversaj iniciatoj. Preskaŭ ĉiuj el la membroj diras, ke ili kreskis en religiaj familioj, sed malkovris ateismon per legado, parolado kun nekredantoj aŭ reage al perdado de familianoj al preĝ-tendumejoj. La grupo kredas je vivo de "logiko, racio, kritika kaj libera pensado, sindonemo, kaj helpado al homoj," laŭ Roslyn Mould, 32-jara prezidantino de la asocio.

Ĉiu, kiu parolis al AFP diris, ke ili perdis geamikojn pro siaj kredoj. Atambire konas ateistojn, kies familioj rompis rilatojn kun ili. En iuj kazoj familioj rifuzas plu pagi iliajn lernejajn kostojn, aŭ gepatroj ĝenerale rifuzas plu plizorgi ilin. Ekzemple, la familio de asociano Michael Osei-Assibey ankoraŭ ne akceptis lian mankon de religio.

La humanismaj kunvenoj, kiujn li ĉeestas, ofte enfokusigas la potencon, kiun predikistoj havas super ganaanoj, speciale la "karismaj" eklezioj. GHA-anoj diras, ke homoj estas ekspluatataj por ke ili financu tiujn ĉi predikistojn, ĉar mankas en Ganao sansistemo, kiu funkcias sufiĉe bone por provizi egalan zorgadon al ĉiuj. Ekzistas ankaŭ la problemo de limigita aliro al edukado pro malriĉeco. La ganaaj humanistoj provas influi siajn sociajn rondojn kaj la pli larĝan socion por instigi kritikan pensadon pri religio kaj pri ĝia senbrida potenco. "Temas pri klopodoj konsciigi niajn sociajn rondojn pri tiaj homoj kaj imunigi nin kontraŭ ili per logika kaj kritika pensado," diris Osei-Assibey.

* Laŭ la popolnombrado de 2010, en Ganao kristanoj konsistigas 71.2% de la loĝantaro, dum islamanoj 17.6%, kaj anoj de tradiciaj religioj 5.2%.

*Resumo (fare de nia redakcio) de anglalingva artikolo de AFP. Ĝi aperis en la retejo de la kenja ĵurnalo Daily Nation: http://www.nation.co.ke/lifestyle/The-lonesome-life-of-Africa-atheists-GHANA/1190-3497954-3ud5qmz/ (25 decembro 2016)*

## Senreligia paro en Hajderabado procesas

Laŭ raporto en la retgazeto *The News Minute* aperinta la 22an de marto, D.V. Ramakrishna Rao kaj lia edzino Clarance Krupalini, loĝantaj en Hajderabado kaj edukantaj siajn filinojn senreligie kaj senkaste, lanĉis juran proceson kun la celo devigi la registaron de Barato (alinome "Hinda Unio") agnoski la rajton de senreligiuloj formale deklari tiun sian statuson en oficialaj formularoj.

Reage al ilia proceso, la alta kortumo de Hajderabado – provizore ĉefurbo de du sudbarataj ŝtatoj, Telangano kaj Andra-Pradeŝo – donis al la registaroj de tiuj ŝtatojo kaj al la federacia registaro en Delhio du semajnojn da tempo por respondi la demandon de la procesanta paro. La demando estas, kiamaniere en oficialaj formularoj sin identigu infano ne volanta deklari apartenon al iu ajn religia komunumo – aŭ, ene de la hinduismo, apartenon al iu ajn el la kastoj, laŭ kiuj la hinduoj estas kutime klasataj? Al la demando la procesanta paro alkroĉis specifan peton, ke la formularoj enkonduku novan elekton "senreligia" apud la nunaj specifoj de religioj.



Hajderabada senreligia familio: D.V. Ramakrishna Rao, Clarance Krupalini kaj iliaj filinoj. (Foto el: www.thenewsminute.com; fotisto: Bharat Bhushan)

Pro la klaraj indikoj pri religia libereco en la konstitucio de la respubliko, la paro estas optimisma, ke la registaroj estos devigataj pozitive reagi.

La praktika problemo, kiu instigis ilin aliri la kortumon, temis pri la lerneja edukado de iliaj filinoj. Tempe de la aliĝo al lernejo de ilia pli aĝa filino, jam estis malfacilo pro ilia insisto, kiam ili plenigis la aliĝilon, specifi ŝin kiel senreligian. Lastatempe la problemo iĝis akuta kiam ŝi devis sin registri por la abiturienta ekzameno. La aliĝilo ne allasis senreligian elekton; la administrantoj de la reta aligsistemo ne reagis al demandoj aŭ postuloj de klientoj. Ŝiaj gepatroj – post frustraj spertoj je la ŝtata nivelo – skribis al la federacia ministrejo pri edukado (pri "homrimeda evoluigo", kiel ĝi formale nomiĝas), kiu tamen respondis, ke tiajn demandojn devas trakti la respektivaj ŝtatoj. Nur post tiu pacienca trairo tra la kutimaj kanaloj, la gepatroj petis helpon de la jura sistemo.

Inter la diverstendencaj aktivuloj, kiuj en la nuna Barato volas rezisti la kreskantan forton de la ortodoksa hinduismo kaj do de la kasta sistemo, certe ĉiuj agnoskas la gravecon de tia batalo, kian lanĉis Ramkrishna Rao kaj Krupalini. Tamen multaj tiaj aktivuloj emfazas la prioritatan neceson unue kulture, politike kaj jure renversi la diskriminacion, kiu dum jarcentoj privilegiis la altkastajn hinduojn. Por tiu tuja celo necesas strategio, laŭ kiu la malaltaj kastoj kaj la indiĝenaj popoloj eksplicite elstarigu siajn kategoriajn identecojn por lukti kontraŭ la diskriminaciantaj altkastanoj.

Dum progresas tiu malrapida kaj malfacila batalo, certe iuj unuopuloj kaj familioj, kiuj volas meti sian senreligiecon sur la juran tagordon, devos senprokraste tion fari; ili sendube povas kalkuli je la raciaj kaj ateismaj batalantoj por la rajtoj de la malaltkastaj hinduoj kaj indiĝenaj popoloj.

**Probal Dasgupta (Hinda Unio / Barato)**

## Religioj kaj senreligieco en Suda Koreio

La ĉi-jara lando de la Universala Kongreso, la Respubliko de Koreio (aŭ Suda Koreio neoficiale), estas konata kiel lando, kie en la lastaj jardekoj furoras kristanismo, speciale diversaj evangeliaj protestantaj eklezioj. La lando plenas je kristanaj preĝejoj kaj siaj neonlumigataj krucoj – kaj varbistoj por kristanaj eklezioj bruas en la stratoj. Ĉirkaŭ *28% da sudkoreoj estas kristanoj* (kontraste al nur 2% en 1945) kaj Suda Koreio dissendas tutmonden la duan – post Usono – plej grandan nombron da kristanaj misiistoj. Tio estas en plena kontrasto kun najbara Japanio, kie kristanismo ne sukcesis disvastiĝi, kaj nur 1% estas kristanoj. Fakte, kristanismo estis ligita kun korea naciismo dum la japana kolonia regado de Koreio, kio kreis fortan fundamenton por ĝia kresko post la Korea Milito.



Tamen samtempe, laŭ la oficiala popolnombrado de 2015, *56.9% da koreoj ne apartenas al iu ajn formala religio*: cifero, kiu povas enteni kaj kredantojn (ekz. de ŝamanismo, kiu iam estis la ĉefa religio de Koreio kaj ankoraŭ havas multajn sekvantojn) kaj nekredantojn. (Menciindas, ke en 2005, tiu cifero estis 46.5%.) Sed, laŭ mondskala jarfina enketo farita de Gallup International en 2016, 57% da sudkoreoj konsideras sin ateistoj aŭ agnostikuloj – do preskaŭ identa cifero, kiel tiu de la sudkorea registaro rilate al multe pli larĝa kategorio "sen formala religio". Estas sufiĉe konfuze, ke Gallup International mem en 2012 raportis en sia "Tutmonda Indekso de Religio kaj Ateismo", ke *15% da koreoj estas "konvinkitaj ateistoj"*, dum 31% estas simple "nereligiaj homoj", do entute 46% ateismaj aŭ nereligiaj. La Pew Research Center tre simile publikigis en samjara raporto titolita "Tutmonda Pejzaĝo de Religio", ke 46.4% da sudkoreoj estas religie "neligitaj". Tio estis la sese plej alta procento en la mondo.

Necesas aldoni, ke laŭ la popolnombrado de 2015, *15.5% da sudkorej estas budhanoj*. (En 2005, la cifero estis 22.8%.) Tamen, la influo de Budhismo sur korea socio kaj kulturo estas pli vasta ol indikita de tiu cifero. Korea protestanta teologo Kim Min-woong opinias, ke Budhismo "delonge estas tre natura parto de korea socio ... eĉ se oni estas kristano, oni tamen apartenas al budhisma komprenado de vivo"1. Sed, aliflanke, ekzistas konflikto inter protestantoj kaj budhanoj, ĉefe pro agresemaj kontraŭbudhismaj sintenoj flanke de iuj protestantoj – eĉ okazis atakoj kontraŭ budhismaj temploj.

Fine, jen citaĵo el artikolo pri religio kaj senreligieco en Suda Koreio verkita de usonano, kiu loĝis tie: "Senreligiuloj eble ne estas tre videblaj ... Ĉar nereligiemo apenaŭ vekas socian malaprobon kaj ankaŭ ekzistas historio de tradicioj, aparteno al kiuj ne devas esti klare montrita, kiel Konfuciismo kaj Budhismo, senreligiuloj povas facile eviti atenton. Sekve, malfacilas taksi la veran disvastiĝon de senreligieco en Koreio, sed samtempe malfacilas ignori ĝin." 2

Do, ni povus resumi jene: kontraste al multaj landoj en la mondo, sed simile al Japanio kaj Ĉinio, ekzistas en Suda Koreio ĝenerale favora etoso por senreligiaj homoj, tamen la

kristanoj, speciale protestantoj, estas laŭtaj kaj viglaj. Ĉu reage koreaj ateistoj devus plilaŭtiĝi kaj plivigliĝi?

*Fontoj: Anglalingva Vikipedio (diversaj artikoloj); End of Year Survey 2016 (WIN/Gallup International); Global Index of Religion and Atheism (WIN/Gallup International, 2012); The Global Religious Landscape (Pew Research Center, 2012); http://freethinker.co.uk/2014/07/04/opposing-religious-influence-in-korea*

**Nyegosh Dube (Pollando)**

1 https://www.pri.org/stories/2017-04-25/south-korea-pretty-much-everything-little-bit-buddhist-including-politics

2 https://humanisticpaganism.com/2013/02/24/is-korea-really-the-5th-most-atheist-nation/

## Baldaŭ …sed kiam? Francaj ateistoj survoje al pinto

En la 22a numero de *Ateismo*, en la rimarkinda artikolo, kies titolo estas "Mondo dividita: senreligieco kreskanta kaj malkreskanta", notindas jena frazo: "En Francio ... la majoritato de la enloĝantaro baldaŭ estos senreligiaj."

Bonan novaĵon! La jenaj raportoj de Benoist Simmat kaj aliaj ĵurnalistoj eble helpas precizigi la baldaŭan estontecon en Francio.

En 2010 la islamanoj konsistigis 7.5% da loĝantoj kaj konsistigos 10.3 % en 2030, laŭ la usona esplor-centro Pew Research Center. Tamen oni povas dubi pri la certeco de tiuj rezultoj ĉar en Francio neniu etna aŭ religia statistiko ekzistas.

La kristanoj malkreskos ekde 63% al 43.1 % en 2030, la budhanoj kreskos de 0.5% al 0.6% dum la judoj restos je 0.5%. Sed egan surprizon naskis la nekredantoj! Ĉar konsistigante nun 28% de la franca loĝantaro, ili atingos 44.1% . Do ateismo igôs la unua "religio" en Francio en 2030!

"Tiuj datumoj povas pacigi sterilan debaton, en kiu kelkaj asertas, ke la nombro de islamanoj estas eksplodanta," notas Simmat. Rilate la malprogreson de la kristanoj, "tio ĉi kongruas kun la nombro en Francio de la katolikoj baptitaj, kiu baldaŭ falos" de 70% al 50% laŭ alia studaĵo publikigita de la kristana semajna ĵurnalo *La Vie* (La Vivo) en 2015.

Fonto: *Ouest-France*, 18 septembro 2016

**Josiane Ferrand (Francio)**

## Kiom da ateistoj fakte troviĝas en Usono?

Laŭ du el la plej prestiĝaj opini-enketaj organizaĵoj en Usono, Pew kaj Gallup, ĉirkaŭ 10% da usonanoj diras, ke ili ne kredas je Dio. Sed psikologoj Will Gervais and Maxine Najle de la Universitato de Kentukio delonge suspektas, ke multaj ateistoj ne aperas en opinienketoj. Kial? Ĉar, malgraŭ kreskanta sekulariĝo en Usono, daŭre ekzistas tie malaprobo kontraŭ nekredantoj, kaj pro tio multaj ateistoj hezitas respondi honeste, eĉ en telefonaj enketoj.

Tial Gervais kaj Najle faris novan analizon pri la multeco de ateistoj en Usono kaj konkludis, ke la nombro da nekredantoj povus esti duoble pli alta ol la takso de enket-organizaĵoj kiel Pew kaj Gallup. Laŭ Gervais kaj Najle, "Precizaj taksoj pri la nombro de ateistoj

povus helpi antaŭenigi fidon kaj toleradon al ateistoj: eble 80 milionoj da homoj en Usono kaj pli ol unu miliardo tutmonde."

Certe en Usono, plia toleremo al ateistoj estas bezonata. Kvankam iliaj nombroj kreskas ili restas aparte nepopularaj. Laŭ Gallup, usonanoj preferas voĉdoni por katoliko, virino, afrik-usonano, judo, mormono, samseksemulo, evangelia kristano, aŭ islamano – en tiu sinsekvo – antaŭ ol ili konsiderus ateistan prezidanton. Eble pli signife, laŭ alia esploro, preskaŭ duono de la usonanoj ne volus, ke la propra gefiloj edz(in)iĝu al ateisto!

"Kontraŭateisma sentado estas vere forta," diras Penny Edgell, sociologo ĉe la Universitato de Minesoto. "Tio ne ŝanĝiĝas, dum la nombro da ateistoj kreskas. Pro tiu malaprobo, povus esti ke sufiĉe multe da homoj ne nomas sin ateistoj."

Tial Gervais kaj Najle ellaboris teston por trovi tiujn ĉi "kaŝitajn ateistojn". Nu, se oni ne povas rekte demandi homojn, ĉu ili estas ateistoj, kaj ricevi sinceran respondon, kiel oni trovu ilin? Gervais kaj Najle organizis tre lertan teston. Ili dissendis enketilon al 2000 homoj, nacie reprezenta grupo. La enketilo havis simplajn frazojn kiel "Mi posedas hundon", "Mi havas lavmaŝinon en la kuirejo", "Mi ŝatas modernan arton". La enketitoj devis simple skribi la *nombron* de tiuj asertoj, kiuj estas veraj por ili. Sed duono de la partoprenantoj, hazarde elektitaj, ricevis enketilon kun unu plua aserto: "Mi kredas je Dio".

Per komparo de la respondoj de la du grupoj, ili povis taksi kiom da homoj ne kredas je Dio – surbaze de la supozo, ke la proporcioj de pozitivaj respondoj pri la restantaj asertoj estos pli-malpli la samaj en la du grupoj. Laŭ tiu ĉi metodo, Gervais kaj Najle taksis, ke ĉirkaŭ 26% da usonanoj fakte estas ateistoj. Ili ripetis la enketon kun dua grupo da 2000 homoj, sed ĉi-foje duono ricevis la aldonan frazon en negativa formo: "Mi ne kredas je Dio". La rezultoj estis similaj, sed iomete malpli da ateistoj estis malkovritaj.

La du psikologoj pensas, ke necesas plia esplorado. "Iom post iom, espereble ni povos rafini niajn metodojn kaj trovi aliajn teknikojn por nerekta mezurado," diras Gervais. Estus interese provi tiajn enketojn ankaŭ en aliaj landoj, kie ateismo estas ankoraŭ malfavore rigardata de la ĝenerala socio, kiel Pollando, Hindio, Brazilo kaj Niĝerio.

*Verkita surbaze de du anglalingvaj retaj artikoloj:"How many American atheists are there really?" ĉe www.vox.com/science-and-health/2017/4/13/15258496/american-atheists-how-many (13 aprilo 2017); "26 percent of Americans are atheist? Researchers say the godless are undercounted" ĉe www.kansascity.com/living/religion/article147834469.html (1 majo 2017).*

**Nyegosh Dube (Pollando)**

## Britaj lernejoj ricevas libron pri humanismo

Lernejoj tra Britujo ricevis en februaro senpagan ekzempleron de infanlibro kun la titolo *Kio estas humanismo?* La libro estis disdonita de Bita Humanisma Asocio (BHA).

*Kio estas humanismo?* de Michael Rosen kaj Annemarie Young celas infanojn de 10 ĝis 13 jaroj, kaj taŭgas kaj por lernejaj lecionoj kaj por sola legado hejme. Ĝi esploras laŭ humanisma vidpunkto moralajn kaj etikajn demandojn, la originon de la vivo, kaj la rilaton inter religio kaj la ŝtato.

Neniam antaŭe BHA disdonis libron al elementaj lernejoj. Por multaj lernejoj ĝi estos la unua libro, kiun ili posedas pri nereligia mon-

drigardo. Ĝi enhavas kontribuojn de bone konataj britaj verkistoj, komediistoj kaj sciencistoj.

La disdonado estis financata per mondonacoj de humanistoj tra la tuta lando. Andrew Copson, estrarano de BHA, komentis: "Neniam estis tiel grave, ke infanoj lernu pri la malsamaj kredoj kaj perspektivoj, kiujn ili renkontos en la moderna Britujo. Estas grave, ke infanoj ricevu aliron al informoj pri ĉiuj religiaj kaj nereligiaj opinioj, kiuj troviĝas en la hodiaŭa mondo, por ke ili havu eblecon mem fari la decidon pri la propraj kredoj."

La aŭtoroj komentis: "Milionoj da homoj en ĉi tiu lando kaj tra la mondo mem ellaboras siajn vivofilozofion kaj vivmanieron sen la helpo de religio. Lernejoj prave dediĉas multe da tempo kaj energio al esplorado de la ideoj kaj filozofioj de la ĉefaj religioj, dum ili plejparte preteratentas la ideojn de humanismo, sekularismo kaj ateismo. Tiu malkongruo inter la efektivaj kredoj de la homoj kaj la lernejaj instruoj certe estas neakceptebla. Nia libro celas malfermi diskuton pri la signifo de humanismo, kaj montri kiel la homoj povas vivi kiel humanistoj. Tra la libro ni kuraĝigas la legantojn starigi demandojn, por helpi ilin evoluigi siajn proprajn ideojn kaj tiel kontraŭstari antaŭjuĝojn."



*Kio estas humanismo?* estis disdonata al lernejoj en ĉiuj regionoj de Britujo. La subtitolo tekstas: "Kiel oni vivas sen dio? kaj aliaj grandaj demandoj por infanoj".

(Foto el: https://humanism.org.uk)

En 2015, tri humanismaj gepatroj kaj iliaj infanoj procesis kontraŭ la brita Ministro por Edukado pro manko de humanismaj kaj aliaj nereligiaj vivofilozofioj en la (nedeviga) tutlanda lerneja ekzameno pri religiaj studoj. La kortumo konkludis, ke ĉiuj britaj lernejoj devas instrui ankaŭ pri humanismo kadre de lecionoj pri religia edukado. BHA esperas, ke per tiu ĉi libro ili helpos instruistojn plenumi tiun devon, montrante al gejunuloj kiel multaj homoj nuntempe spertas feliĉan, moralan kaj kontentigan vivon sen religio.

BHA disponigas unu ekzempleron de la libro senpage al ĉiu lernejo, kaj ankaŭ pretas sendi trejnitajn, spertajn volontulojn, kiuj vizitos lernejojn por kontribui al lecionoj kaj debatoj pri humanismo.

Laŭ enketo en 2016, 22% de la loĝantoj de Britujo gajnas sian komprenon de la mondo pere de racio kaj scienco (kontraste kun religio), dum iliaj moralaj elektoj baziĝas sur kundividado de la emocioj kaj problemoj de aliaj homoj. Duono de la loĝantaro ne deklaras sin membro de iu religio; ĉe britoj sub 35 jaroj tiu proporcio atingas du trionojn.

*Verkita surbaze de artikolo, kiu aperis en la retejo de la Brita Humanisma Asocio: https://humanism.org.uk/2017/02/21/schools-across-uk-receive-free-copies-of-what-is-humanism-from-british-humanist-association*

**Anna Lowenstein (Britio)**

## Itala konferenco pri libera pensado kaj interreligia tolerado

La konferenco "Homo Sum" okazis en Torino, Italio, la 11an de februaro 2017. Ĝi estis organizita de la Centro Esperanto di Torino "Giorgio Canuto" kaj Itala Esperantista Junularo kun la celo diskuti civitanajn rajtojn, edukadon, religion, liberan pensadon, neperforton kaj sekularismon por instigi reciprokan respekton kaj pacan kunekziston. La programo inkluzivis parolantojn, esperantistajn kaj ne-esperantistajn, el pluraj asocioj. Jen resumo de iliaj prelegoj:

La kunvenon malfermis Prof. Fabrizio Pennacchietti de la Centro Esperanto di Torino dirante, ke Esperanto kaj libera pensado estas idoj de pozitivismo kaj klerismo, kiuj ambaŭ traktas "racion" kiel la bazon de progreso kaj socia egaleco.

Paolo Candelari de la Centro Studi Sereno Regis prelegis pri la temo "Neperforto inter sekularismo kaj religiemo". Resumante la historion de la movado por neperforto, li parolis pri la plej gravaj gvidantoj, kiuj kreis tiun historion (Camus, M.L. King, Gandhi, Thoreau, Tolstoj kaj aliaj). Li emfazis, ke tiuj gvidantoj devenis de diversaj religioj, portantaj la implicitan mesaĝon, ke "religioj povas havi komunan vizion de mondo sen perforto". Tio ĉi estas konkreta ekzemplo de homoj kun diversaj religiaj kredoj laborantaj cele al la sama ideo de paco (tamen, en mia opinio, la merito apartenas al la individuoj, ne al siaj respektivaj religioj).

Carlo Troisi de la Circolo UAAR Torino parolis pri "Etiko kaj sekulareco – vizio eksterreligia". Li estas ateisto, sed emfazis, ke sekulareco kaj ateismo ne estas samaj. Laŭ li sekulareco signifas toleradon kaj li prezentis kiel ekzemplon la Valdanan Evangelian Eklezion, kiu defendas sekularecon. Li klarigis humanismajn valorojn per filmo farita de Brita Humanisma Asocio. Poste li parolis pri la mallarĝa limo inter kritikado kaj ofendado, menciante la tragedian ekzemplon de *Charlie Hebdo*, kiu okazis nur ĉar iu sentis ofendiĝon, kaj la fatvon kontraŭ Salman Rushdie, kulpa pro verkado de ofenda libro. Tiuj ĉi okazaĵoj kaŭzis, ke multaj gazetoj cenzuris sin por eviti ofendi fundamentistojn, kio estas limigo de libera esprimado.

Prof. Roberto Tresoldi prelegis pri la Rozkrucaj Manifestoj, kiuj estis la lasta provo krei kulturan, interreligian principaron antaŭ la Tridekjara Milito. Li resumis la historion de la Rozkrucanoj, priskribante ilin kiel grupon, kiu kredis, ke pli bona mondo estas realigebla. La publiko ne traktis tiujn ĉi manifestojn serioze, kaj multaj konsideris ilin aŭ legendo aŭ ŝerco, ĉar ili estis eldonitaj anonime. Tiuj estis tre tumultaj tempoj, kaj estis danĝere esprimi ideojn, kiuj kontraŭis la ĉeftendencajn opiniojn. La unua el la manifestoj, la "Fama Fraternitatis", estis eldonita en 1614, nur kvar jaroj antaŭ la komenco de la Tridekjara Milito, kiu estis la plej mortiga religia milito en historio.

Bruno Segre, advokato, ĵurnalisto kaj politikisto, honora prezidanto de la Associazione Nazionale del Libero Pensiero "Giordano Bruno" parolis pri la temo "Sekularismo: ilo de liberigo". Li klarigis la diferencon inter sekulareco kaj sekularismo. Sekularecon li difinis kiel reciprokan sendependecon de religio kaj ŝtato, kaj sekularismon kiel la rajton defendi sekularajn valorojn kaj malakcepti iun ajn religian enmiksiĝon en politikon. Segre rigardas sekularismon kiel pozitivan ilon por emancipado. Ekzemple, en landoj, kie ili

havas malsuperan pozicion (pro religio interalie), ĝi instigas emancipadon de virinoj.

Prof. Federico Gobbo prelegis pri "Zamenhof inter religio kaj filozofio: lecionoj por la 21a jarcento". Li priskribis la ideon de Zamenhof krei socion, unuigitan per neŭtralaj lingvo kaj religio, kiujn li konsideris pontoj por ligi homojn el diversaj kulturoj. La unua ponto estis neŭtrala kaj humana lingvo kun la nomo Esperanto, kaj la dua estis neŭtrala kaj humana religio. Sekve, li klarigis pri la religia medio en kiu Zamenhof kreskis, lia edukiĝo kun radikoj en la instruoj de hilelismo, kaj kiel tiuj ĉi ideoj evoluis en filozofion nomitan Homaranismo.

Fine, estis prelegoj pri du asocioj, unu tutmonda kaj bone konata, Rotary International, kaj la alia, Juvenalia, itala neregistara organizaĵo, kiu okupiĝas pri junularo: D-ro Fabrizio Meliga priskribis Rotary kiel "sekularan ekzemplon de solidareco". Li klarigis, ke la asocio, kies membroj celas servi siajn komunumojn, havas nek politikajn nek religiajn celojn, kaj ke la diverseco en la religiaj kredoj de ĝiaj anoj ne estas barilo kontraŭ kunlaborado por socia bonfarto.

Flaviana Rizzi, fondinto de Juvenalia, parolis pri "Edukado por libera pensado: la graveco de sekulara pensado ĉe gejunuloj". Juvenalia proponas manieron eduki dekkelkjarulojn el sekulara perspektivo, helpante ilin elpensi proprajn ideojn bazitajn en scienca kaj libera pensado.

*La artikolo estas modifita kaj iom mallongigita traduko (fare de la redakcio de Ateismo) de anglalingvaj informoj senditaj de la aŭtoro.*

**Jose Luis Scanferlato (Italio)**

## Religio por ateistoj

Kiam ateistoj malakceptas religiojn, ili malakceptas ĉian kredon pri ia supernatura forto, kiu regas la mondon. Farante tion, ili samtempe forĵetas multajn aliajn aspektojn de religioj, kiuj tamen estas valoraj. Tio estas la ĉefa argumento de brita filozofo Alain de Botton en sia libro *Religio por ateistoj*. La verko bedaŭrinde ne jam ekzistas en Esperanta traduko, sed ĝi ja estas aĉetebla en pluraj aliaj lingvoj krom la originala angla.

De Botton diskutas plurajn karakterizaĵojn de la religia vivo, kiuj unuavide ŝajnas flankaj fenomenoj tute ne centraj al la religia sperto. Kaj tamen laŭ li ili estas esencaj. Estas tiuj aldonaj fenomenoj, ne la religiaj filozofioj en si mem, kiuj tiel forte tenas la korojn kaj mensojn de la fideluloj. La grandaj mondaj religioj kontentigas profundajn kaj eventuale neagnoskitajn bezonojn de siaj kredantoj, kaj tio klarigas la sukceson de tiuj kredoj dum la jarcentoj kaj -miloj. En sia libro, de Botton celas esplori tiun flankon de la diversaj religioj, kaj pripensigi ĉu eblus apliki ilian sagacon al la sekulara vivo.

La dua ĉapitro, ekzemple, havas la titolon "Komunumo". Ĉe la katolika meso, laŭ de Botton, ĉiuj estas bonvenaj, ĉu riĉaj aŭ malriĉaj, ĉu sukcesaj aŭ malsukcesaj en sia ĉiutaga vivo. Tio estas unu el la malmultaj medioj, en kiuj la mondumaj atingoj admirataj en la ekstera socio ne gravas. Legante tiun ĉapitron, mi subite komprenis, kial multaj homoj tiel ekstermezure entuziasmiĝas, kiam ili malkovras Esperanton. Ilia entuziasmo ŝuldiĝas ne al la lingvo mem, sed al la komunumo en kiu ili tuj sentas sin dezirataj membroj. Same kiel la katolika eklezio, ni bonvenigas ĉiujn,

inkluzive de tiuj, kiuj ne estas bone integritaj en la normala socio. Ankaŭ homoj kun fizikaj aŭ psiĥologiaj problemoj trovas sian hejmon en la Esperanto-movado; ili devas nur deklari sian fidon por fariĝi egalrajtaj membroj de nia komunumo.

Alia interesa ĉapitro havas la titolon "Tenereco". Foje ĉiu el ni deziras konsolon, ĉiu havas emociajn bezonojn, eĉ tiuj, kiuj deekstere ŝajnas fortaj kaj memfidaj. Multaj religioj donas al siaj sekvantoj diinon, kiu rigardas ilin per okuloj de ĉiopardonanta patrino kun vizaĝo plena je komprenemo kaj kompato. Ŝia statuo ofte staras en malgranda, duonluma ĉelo, kvazaŭ en utero, kie ŝiaj sekvantoj povas dum mallonga tempo refariĝi infano, sekura antaŭ patrino, kiu ne nepre kapablas solvi iliajn problemojn, sed kiu pretas senkritike kaj ame aŭskulti kaj kompreni.

Ateistoj, laŭ de Botton, prave rekonas en tiu aspekto de religia kredo deziron reveni al la infaneco, sed malprave malestimas tiun bazan kaj normalan emocion. Li skribas: "La fakto, ke en la realo ne ekzistas aŭskultema patrino aŭ zorgema patro kapabla solvi por ni ĉiujn problemojn, ne signifas ke ni neu nian deziron je ties ekzisto". Religioj agnoskas tiun bezonon, kaj trovis manieron por digne kontentigi ĝin. Li proponas, ke ankaŭ en la sekulara mondo troviĝu temploj dediĉitaj al Tenereco, en kiuj suferantaj homoj povus en duonluma etoso mediti antaŭ artverkoj prezentantaj la patrinan amon, kaj tiel momente forgesi siajn pli plenkreskajn zorgojn.

La libro enhavas tro da interesaj konstatoj, por ke mi resumu ĉiujn. Aliaj ĉapitroj montras, kiel religioj tre sukcese transdonas siajn ideojn per ritoj, edukado, arto kaj arĥitekturo, kaj diskutas la gravecon de potencaj institucioj en la disvastigo de religioj. Religioj travivis jam milojn da jaroj, ĉar ili trovis manierojn por respondi al la homaj bezonoj. Tiuj bezonoj eventuale ne estas admirindaj aŭ subtenindaj, sed ili tamen ekzistas. Religioj agnoskas kaj akceptas tiujn malfortajn flankojn de la homa karaktero, kaj laboras kun ili anstataŭ kontraŭ ili. De Botton proponas, ke anstataŭ nei tiujn bedaŭrindajn malfortojn de la homa psiĥo, ateistoj rekonu ilin kaj pruntu el la mondaj religioj metodojn por vivi kun ili kaj kontentigi niajn normalajn homajn bezonojn. Eblas transpreni tiujn partojn de la religia saĝo, dum ni samtempe tamen rifuzu ties superstiĉojn kaj supernaturajn estaĵojn.

*Religion for Atheists* Alain de Botton:
Penguin, 2012. ISBN: 978-0-141-04631-0.

**Anna Lowenstein (Britio)**

## Eŭropaj humanistoj kunvenas en Vroclavo

La bela urbo Vroclavo en sud-okcidenta Pollando gastigis la ĉi-jaran konferencon de la Eŭropa Humanisma Federacio (19-21 majo). Ĝiaj lokaj organizantoj estis Pola Asocio de Raciistoj kaj Pola Humanisma Asocio. Venis partoprenantoj el multaj eŭropaj landoj, inkluzive Rusion. Esperanto kaj ATEO estis reprezentataj ĉi-foje pro la partopreno de la redaktoro de tiu ĉi bulteno.

EHF baziĝas en Bruselo kaj unuigas pli ol 60 humanismajn kaj sekularismajn organizaĵojn el 24 eŭropaj landoj. Ĝi estas la plej granda tiuspeca organizaĵo en Eŭropo kaj celas antaŭenigi sekularecon kaj egalan traktadon de ĉiuj senkonsidere de religio aŭ kredo, kaj batali kontraŭ religiaj konservatismo kaj privilegio.

Dum la konferenco okazis kvar podiaj diskutoj pri la jenaj temoj:

- Popolismo kaj demokratio en Eŭropo
- Politika guŝteco kaj libera esprimado
- Kion signifas esti eŭropano hodiaŭ? La serĉado por eŭropa identeco
- Kritika pensado en la interreta epoko. Ĉu la "inteligenta teknologio" igas la homojn pli inteligentaj?

Mi mem partoprenis en la podia diskut-grupo pri eŭropa identeco. Oni prezentis min kiel reprezentanton de Pola Humanisma Asocio kaj kiel la redaktoron de esperant-lingva ateisma revuo – ekzemplero estis montrita. Krome, mi aperis en filmo, montrita dum la konferenco, pri la humanismaj kontribuoj de iuj polaj historiaj figuroj. En mia parto de la filmo, mi parolis pri Zamenhof, ne nur kiel kreinto de Esperanto, sed ankaŭ kiel liberpensulo, kiu proponis Homaranismon kaj defendis la rajton libere kredi.

Fine, estus interese mencii, ke unu el la partoprenantoj estis juna marokano, kiu fuĝis al Svislando pro persekutado en Maroko pro esprimado de ateismaj vidpunktoj en blogoj kaj ankaŭ en la arablingva kanalo de televido France 24. Do, denove oni vidas, ke esti ateisto en multaj landoj povas esti danĝere.

**Nyegosh Dube (Pollando)**

# ATEISMO

organo de ATEO

Ateista Tutmonda Esperanto-Organizo




Bonvolu sendi viajn artikolojn al la redaktoro: ateismo.bulteno@gmail.com.
Por informoj: anna.lowenstein@esperanto.org

Prezidanto: (vakas)
Vicprezidanto: Dominique Simeone, Francio
Sekretario: Anna Löwenstein, Britio
Kasisto: Dieter Rooke, Svislando
Estrarano: Jakvo Schram, Belgio
Redaktoro: Nyegosh Dube, Pollando

Jarkotizo: 10 € por A-landoj Konto: ateo-y ĉe UEA
8 € por B-landoj